Mi salutas ĉiujn legontojn de tiu numero de Konstru-Forumo. Pro familiaj cirkonstancoj, mi ne povis pli frue zorgi pri la bulteno Ko-Fo. Ankaù Edmondo Ludwig, pro samaj kialoj, rezignis pri sia prezidenta respondeco kadre de TAKE. Bedaùrinde, venis preskaŭ neniuj reagoj al la konsideritaj temoj aperintaj en KoFo N°34, kiun vi ricevis en la pasinta aprilo – krom tiuj de Claude Longueepée kaj Zlatko Hinst( vidu ĉi-sube). Mi eĉ konstatis ke tiu lasta numero 34 de KoFo ne aperas en la retejo de TAKE (ĉu eble Fabien, vi forgesis enŝovi ĝin ? ) Mi faras nenian riproĉon, sed bonvolu konscii, ke « kunordiga laboro», kia estas mia tasko, tre malfacilas sen rimarkoj, kontribuoj, kunlaborado !

Por la temo N°55 pri la nomoj de la profesioj en konstruado : mi petis vian opinion pri ambaŭ terminoj : profesio kaj metio, opinion kiun mi plu atendas : ĉu sinonimoj ? Se ne , kiu diferenco ?
En la temo N°42 ( ĉarpentoj) , mi provis klasifiki la diversajn fakojn de la profesia familio ĉarpentista – kiel ni devus fari pri la elektrista profesi-familio. Vi bonvolos noti, ke mi provis trovi metodon. Sed plu mankas reagoj kaj opinioj, kvankam ne estas bezonate esti fakulo por opinii pri klasifikado !

## I Reagoj al : kONSTRU-FORUMO N°34 (*Miaj rimarkoj kursive skribitaj post PG*)

De :Claude Longueepee À :…@....
Legante vian 34-an KF-on, mi opinias vian liston de konstrufakuloj tre kompleta kaj detaligita !
Mi notis la jenajn kelkajn rimarkojn... Kiuj certe amplekse elmontras mian laikecon pri la afero (aŭ mian forgeson de jam faritaj klarigoj kaj difinoj !...).

**Pri "metio" kaj "profesio".**

Laŭ mia opinio (konfirmita pli malpli de la PIV) :
"Metio" = manlabora profesio. Mi tradukus en la francan per "Métier".
"Profesio" = ĉiu laboro per kiu oni akiras vivrimedojn. Mi tradukus per "Profession".

Mi kutime tradukas : el la franca : "Artisan" per "Metiisto" ; kaj el Esperanto : "Profesiulo" per "Professionnel" ; el la franca "Professionnel" mi ankaŭ tradukas per "Fakulo" aŭ "Specialisto", se temas pri specifaj fakoj.

**I. 1 -** Pri la **desegnisto**, oni retrovas la saman ambiguecon kiel en la franca, pri "Plano". Kiu fakte povas esti :Ĉu "Desegno" aŭ "Skemo" farita de la desegnisto ; ĉu pli ĝenerala "Projekto", ĝenerale farita de la arkitekto... aŭ de la "Entreprenisto", aŭ de la "Projektisto"... Estas notinde, ke tiuj du lastaj terminoj estas rekte inspiritaj de la franca !...
**I. 2 -** ĉu "*Fundaĵoj"* (en kursivo skribita) ne estas fakte "Fundamentoj" aŭ ?( *PG : Claude pravas* ...)
**I. 3 -** Mi ne bone komprenas la signifon de la termino "Malkonstruo". Ĉu temas pri : detruo, disfaligo de konstruaĵo ? (*PG : jes* !) Se jes, la metio de "Kamionŝoforo" ne povas esti konsiderata nur metio pri malkonstruado. ( *PG : Kompreneble, sed tiu profesio ekzistas en la konstrua ekonomikampo.*)
Cetere kial ne diri tutsimple "Kamionisto" ? (*PG : Tiu termino estas iom tro svaga, ĉu ne ? Ĉu temas pri* la isto kiu kamionojn konceptis, fabrikis, riparis, stiris ? Estas bezonate precizi .)
**II. 4 - Masonado.**
En "Kofristo" la radiko "Kofr'" por la franca "Coffrage" ŝajnas iom ambigua kaj konfuziga kun "Kesto" aŭ "Valizego". Mi sugestus "Betonŝelo".
Mi ne komprenas, kio estas "Pucisto", kion signifas la radiko "Puc'" ?
(*PG : Bonvolu relegi en Jar-Kolekto 2010, je la 88a paĝo, recenzo de terminoj kompilita de Jan Werner*)
**II. 4 - Ĉarpentado.**
Vi parolas pri "Lutistoj". Ĉu vi konsideras, ke ne plu necesas "Nitoj" kaj "Nitistoj", ekzemple por ripari malnovajn fer- aux ŝtal-ĉarpentaĵojn ? *(PG : Fakte, krom riparado, mi pensas, ke oni ne plu muntas ĉarpentajn pecojn el ŝtalo per nitoj. Tio ne povas konsistigi propran profesion, dum lutado povas esti ĉu ofta okupo de ŝtala ĉarpentisto, ĉu propra profesio ).*
*PG : Karaj kolegoj, kion vi opinias ĉe tiuj rimarkoj pri « kofro / ŝelo » kaj « lutistoj / nitistoj » ?*
*Krome, Ĉu vi ne volas aldoni rimarkojn pri tiu proponita listo de la kosntruaj metioj ? Tutcerte ĝi estas nek perfekta, nek* kompleta !

De :Zlatko Hinst À ...@...
Mi estas kontenta kiam vi esprimas pozitivan opinion, eĉ grandan intereson por enhavo de bulteno Internacia Fervojisto. Jes, mi ĝis nun ricevis viajn sendaĵojn (une Ko-Fo-n, respondojn kaj reagojn, plejparte inter vi kaj kolego Werner, invitojn al kunlaboro). Pro manko de tempo, mi jam sukcesis respondi al vi mallonge. Jes, mi faros miajn reagojn al nova Ko-Fo, verŝajne ĝis junio ktp).

Vi invitis nin por fari artikolojn koncerne de nova Jarkolekto 2012. Mi pripensos pri tio kaj skribos al vi propono(j)n. Inter la 19-a kaj 25-a de majo okazos Internacia Fervojista Kongreso en Herzberg am Hartz en germanio, kiun mi partoprenos. Post tio mi denove skribos al Vi.

PG : *Kara kolego Zlatko : Ĉu via fervoja kongreso bone disvolviĝis ? Ĉu ĝi donis al vi ideojn por verki artikolon por la Jar-Kolekto 2012 ?*

## I I Temo N°56 : Kio estas tio simpla objekto ? Kiel no mi ĝin ? Terminologia problemo !

Kiam klare mankas vorto en iu lingvo, ekzistas pluraj solvoj por nomi la novan objekton. :

1. **ĉu uzi jam ekzistantan vorton** donante al ĝi plian signifon, kio pligrandigas ĝian signifo-kampon , ( semantikan kampon) . Oftege uzita rimedo, kun grandaj malavantaĝoj. Vidu en la angla « string » signifas origine « ŝnureto » kaj nun ankaŭ mallarĝega kalsoneto ! En esperanto, kiel en multaj lingvoj , « plumo » enhavas polisemian karakteron : 1 plumoj kovras la korpon de birdoj ; 2 homoj uzis plumojn por skribi 3 tiun signifon 2 (ilo por skribi) analogie prenis la metala objekto nove elpensita kun sama funkcio. La objekto ŝanĝiĝas laŭ formo, materialo, sed ne laŭ funkcio. La koncepto « plumo » = skribil-ekstremo restas konstanta. Ni rimarku, ke en esperanto oni klopodas eviti ĝenan polisemion, kiu enkondukus konfuziĝon, kiel en la angla « string », sed ne kiel en la esperanta « plumo ».
2. **ĉu uzi fremdlingvan vorton**, jam uzitan. Tiam, la nova vorto prezentiĝos kiel kopio, pli malpli simila al la originalaĵo. En la pola, « strajk » estas orelfrape fonetika kopio de la angla « strike ». La franca « redingote » (= pluvmantelo) devenas de la angla raiding coat, kio konsistas el ortografia kaj fonetika adaptiĝo. En niaj nunaj socioj invaditaj de uson-anglaj vortoj, eĉ ne plu estas klopodo adapti fonetike kaj ortografie la fremdan vorton al la uzata lingvo,. Nu, kiu ne uzas nun « E-mail » anstataŭ vorton de sia propra lingvo ? (en la franca « courriel », en esperanto « ret-mesaĝo »)
3. **ĉu krei tutnovan vorton**, kio ofte produktas kverelojn, kaj foje sukcesojn. Ekz. la komputilon / komputoron, la franca lingvo nomis « ordinateur » ; en la moderna epoko nia, svarmas novaj objektoj, kiaj estas magnetoskopo, satelito, ktp. Eĉ la internacie konata « aŭtobuso » estas kreitaĵo ! Do, kial ne krei *neologismon* ?




Ekzistas objekto utila sur tegmentoj, kun diversaj formoj kaj dimensioj, sed kiu korespondas al ***koncepto***. Se ekzemple, iu parolas pri hundoj, vi konsentos, ke hundo ne estas kato, ke la koncepto de hundo enhavas unuecon, malgraŭ la malsimilaj dimensioj, aspektoj, utiloj, ktp ! En 2011, Jan Werner kompilis en broŝuro eldonita en Brno la temon de « Ladistaj produktoj en konstruado » . En tiu libreto aperas tio kion prilaboras ladistoj. Sed, iuj tegmentistoj, ne nepre ladistoj, povas uzi en sia profesia agado pecojn de lado facile ellaboritajn. Mi pensas precipe pri la problemojn renkontitajn sur la tegmentoj kovritaj per ardezo-platoj.

Temas pri malgranda peco de lado, 20 cm ĝis 50 cm longa, kun 1 flekso-linio ; oni povas taksi ĝin « *kontraŭlikilo* » ĉar ĝi utilas por malebligi ***likojn****, ĉe kelkaj lokoj de tegmento. La funkcio de tiu objekto estas ĝuste malebligi la eniradon de la pluvakvo internen. Kontraŭlikilo povus esti alia objekto ne konsistanta el la koncerna koncepto. Provizore, mi proponas nomi ĝin « **ŝilmo** » kaj atendas viajn opiniojn. Iu termino por tiu objekto nepre necesas, sed tute ne ekzistas nun en iu ajn esperanta dokumento !




Ĉe kiuj lokoj de tegmento utilas tiu « ŝilmo » ? Nu, rigardu la ĉi-apudan desegnon, N°2. Evidente , por malebligi likojn, kiujn povus okazigi la akvo fluanta sur la tegmento, tiuj « ŝilmoj » estos uzitaj en la linioj 3 (tegmentovaloj) , 4 malsupra rando de lukarna vango), 5 (ĉemura rando) kaj 6 (grop-eĝo )

Noto :* liki : laù PIV, tiu vorto havas 2 ĉefajn signifojn : 1 tralasi (perdi) likvaĵon pro akcidenta eluzo . Ekz : likas kaldrono, tubo, benzinujo, ktp ( la likvaĵo likas de-interne eksteren) 2 Enlasi akvon , pp ŝipo , kies kareno estas iel difektita ( la likvaĵo likas de-ekstere internen). Mi pensas, ke analogie, la dua signifo estas aplikebla al domoj, precipe al tegmentoj, kies ĉarpentaĵo enhavas pli ol unu simila punkto kun ŝipoj.

Mi provas difinon : « ŝilmo » konsistas el malgranda peco de lado (zinko, kupro, plumbo, kaj aliaj) pli malpli rektangula, kun unu flekso-linio ĉe sia mezo ; pro la fleksado, ĝia sekco montras angulon (inter 80° kaj 170°) : ĝia konstanta funkcio estas malebligi la eniradon de akvo en la domon.




**Plej ofta uzo** : ĉe la **randoj apud muroj** , apud kamentubo, apud lukarna vango, apud iom elstaranta luko aŭ tegmenta fenestro, kaj tiel plu. Ĝenerale, observeblas orta angulo inter ili kaj la vicoj de la horizontalaj kovraj elementoj (plataj tegoloj, ardezoplatoj). Oni metu « ŝilmon » ĉe ĉiu dua vico. En la muntado de ardezo-platoj, estas konsilinde munti la « ŝilmon » sur kompleta elemento, ne sur duon-larĝa ardezo-plato, kvankam estas iomete malpli facile fiksi per najlo tiun « duon-ardezon ». Se la pluvakvo elrandiĝas de la « ŝilmo-rando » ĝi falos sur tutlarĝa ardezo-platon kiu forkondukos ĝin suben, malebligante likon.



Mi aldonas foton de tegmento kovrita per plataj tegoletoj : rimarku la vertikalajn partojn de la sinsekvaj « ŝilmoj » ĉe la bazo de la lukarna vango

Ĉe la apuda desegno maldekstre, videblas sekco, kie la « ŝilmo » estas kaŝita sub la ardezo plato. Male, ĉe la supra parto de tiu desegno, la « ŝilmo » anstataŭas la duon-ardezon kaj tiel fariĝas videbla. Tial , ĝia preparado estas iom malsimileta de la kaŝita « ŝilmo ».

Vidu malsupre maldekstre : Notindas ĉe la videbla formo malgranda langeto, kiu estos subŝovita sub la apudan ardezoplaton, por ke la « ŝilmo » ne leviĝu. Same, por plirigidigi la ladan randon, , la tegmentisto faldas ĝin, je 15 mm laŭ larĝo. La vertikala parto, alta je 50 ĝis 70 mm, metita ĉe la muro, konsistigos la kontraŭlikan parton de la « ŝilmo » . Tiuj ŝilmoj » estos fiksitaj per unu aŭ du najloj ĉe ilia supra parto.

**Dua uzo** : ĉe **tegmentovaloj**. Foje, pro estetikaj kialoj, la tegmentisto ne deziras uzi la tradician tegmento-valon el videbla lado, (vidu dekstren : la ladon superkovros la ardezoplatoj aŭ la plataj tegoloj nur je 5 ĝis 7cm)




Tiam, li (aŭ ŝi) povas munti sub la kovrajn elementojn specialajn « ŝilmojn » tiel, ke la pluvakvo fluos malsupren. La vidpunkto donos la impreson de kontinueco en la tegmento-surfaco., ĉar la « ŝilmoj » restos nevideblaj.

Maldekstre : Ĉe la desegno N°4 videblas la tradicia muntado de la daj elementoj por forkonduki la pluvakvon en tegmento-valo.

Ĝia avantaĝo konsistas el efikeco, malgranda kosto, iom facila laboro. Ĝia malavantaĝo estas estetika : ne estas ĉiam dezirinde, ke oni vidu la metalon , kies koloro malakordiĝas kun la koloro de la kovraj elementoj (nigre-blua ardezo ; ruĝe-bruna tegolo,ks). La tegmento el ardezo estas foje taksata « bela robo de la domo » !

Tial, oni povas apliki la metodon de kaŝitaj « ŝilmoj » ,

kio ebligas provizi pli belan aspekton al la tegmento,.

Ĉe la dekstra desegno (N° 5) videblas la « ŝilmo » muntita sur la 4a vico de la tegoloj. Oni komprenu, ke je ĉiu vico estas fiksita « ŝilmo » kiun kovros poste tranĉitaj tegoloj. La uzita metalo estas plumbo, sed povus esti zinko, kupro, eĉ plasto !



N°5 Ŝilmoj el plumbo

Kaŝitaj ŝilmoj

Depende de la klineco, kies angulo rilate al horizontaleco estas pli malpli granda, ankaŭ depende de la akvokvanto kiu fluos en la tegmentovalo, la tegmentisto muntos « ŝilmojn » ĉu je ĉiu dua vico, ĉu je ĉiu vico. La duan solvon li elektos tre ofte por sekurigi sian laboron kontraŭ likoj !

La formo de la « ŝilmoj » por tegmentovaloj estas iel malsimila, sed ĝi plu konservas sian flekso-linion ĉe la mezo.



N°6 : Ŝilmoj por tegmento-valo.

Ardezo-plato (kaj analogie plata tegolo) dividiĝas en 3 partoj :

1. - Ĉe la bazo : VP kiel Videbla Parto ; ĝia vertikala longo estas la distanco inter du sinsekvaj horizontala vicoj,
2. - Ĉe la mezo, KP kiel Kaŝita Parto, kies longo estas egala al VP
3. – Ĉe la supro :SP kiel Superkovrita Parto : ĝi estas superkovrita de la 3a vico. Ĝia vertikala longo estas kalkulita laŭ multaj kriterioj : klineco, klimato, ktp.

La longeco de la rando de la « ŝilmo » egalas al tiu de de la uzita ardezo-plato aŭ de la tegolo. Sed, la longecon de la meza flekso-linio oni decidas mezurante la projekciadon de la ardezo/tegolo-longo al la tegmento-valo. Tial, la « ŝilmo » de tegmento-valo montros ian trapezan formon.

## Tria uzo : ĉe grop-eĝoj :

Malofte okazas ĉe tegmentoj kovritaj per ardezo-platoj, ke oni estas certa pri la lik-imuneco de la gropeĝo. Ĝenerale la tegmentisto muntas ĉe ambaŭ flankoj de tiu eĝo ardezo-platojn kiuj iomete superkovras unu la alian laŭ sia ekstera rando.

Vidu la desegnon N° 7 : Ambaŭ tegmento-ebenoj ne estas samklinecaj ; oni povas observi, ke ĉiu tranĉita ardezo-plato, situanta ĉe la grop-eĝa linio, iomete superkovras laŭ ĝia dikeco, la ardezoplaton , iom malsupran, de la alia flanko.




N°7 Gropeĝo el ardezoplatoj

Tiu metodo ne ĉiam sufiĉas : post kelkaj jaroj, la gropeĝa muntaĵo « malfermiĝas » enlasante iom da pluvakvo. Tial oni aldonos kaŝitajn « ŝilmojn » je ĉiu dua vico. La celo estas sekurigi la muntadon kontraŭ malfermiĝo kaj eventuala likado.

N°8 Gropeĝo kun kaŝitaj ŝilmoj




## Fina rimarko pri tiu temo N°56 :

En esperanto, oni klopodas eviti plursignifecon (polisemion), sed la natura homa analogiemo puŝas konstante al la uzado de jam ekzistanta vorto por nova nocio. Laŭ terminologia vidpunkto, necesas observi la diversajn formojn, variantojn de la koncerna objekto, kies koncepto estu unueca ; oni analizu kaj difinu ties funkciojn, komparu la diversajn terminojn en aliaj lingvoj,(ne nur eŭropaj !), proponu plurajn terminojn, kiel eble plej internaciajn, diskutu pri iliaj respektivaj taŭgecoj kaj findecidu !

Karaj ge-KoFo-anoj : vi bone konscias, ke tiu verkado ĉi-supra ne plenumis ĉiujn postulatajn kondiĉojn ! Mi dezirus aperigi artikolon en la venonta Jar-Kolekto 2012, pri tiu temo, sed mi bezonas vian kunlaboradon : nepre respondu, donu vian opinion, klarigu viajn kritikojn, kaj eble ankaù proponu pli taŭgan terminon, se vi trovas !

## Temo N°57 Monumento de Astana

En la lando Kazaĥio, antaŭ kelkaj jaroj, ŝanĝiĝis la ĉefurbo : nun ĝi situas pli norde, kreita sub la nomo Astana. Tie, oni konstruis multajn monumentojn plej modernajn. Kial ne aperigi artikolon pri iu el ili en la venonta Jar-Kolekto ? Tio ebligus al ĝi ne aspekti tro eŭropeca ! Tiucele, mi sendis retmesaĝojn al la delegitoj de UEA en tiu lando, petinte informojn, kun propono pagi la eventualajn kostojn. Neniu respondis ! Mi poste skribis , plu rete kaj en la franca, al la Ambasadejo de Kazaĥio en Parizo, sed aùtomata respondo klarigis , ke mia mesaĝo ne bonorde alvenis ĉar la leterkesto estis plenplena ! Ve, mi turnis min al aliaj fontoj, kaj mi kopias al vi ĉi-poste, tion kion mi jam trovis. Bonvolu diri al mi kion vi pensas pri la temo ; ĉu vi povus helpi per sendado de plia informo kaj dokumentaro ?

PS1 Mi aldonas la dokumenton (nun nur ek-preparitan) per alia kunsendaĵo por ne tro ŝargi la nunan KoFO-n !

PS2 Mi profitas la okazon por alvoki vin : ***ne estas tro malfrue por verki artikolon*** prikonstruan por la venonta jar-Kolekto, kiun afable enpaĝigos kaj eldonigos nia TAKE jkasisto, nome Andreo Grossmann.

Dankon pro via atento ! Mi atendas viajn reagojn. Sincere salutas Pierre